# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 06/01/2016 Ducentkvindekunua eldono 06/01/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**„Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektitaj atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klakigu la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol 251,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 104. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Iom pli pri “de”. D.

En la tria kaj kvara signifoj, tute malsamaj inter si kaj al la aliaj, temas pri ago farita aŭ farata aŭ farota de iu. Ekzemple se policano liberigis la kaptiton de krimulo, temas pri liberigo (farata) de la policano, laŭ Zamenhof “La liberigo de la policano”. Kaj la kaptito estis liberigata, aŭ liberigatis, kaj do temas ankaŭ pri la liberigo de la kaptito, laŭ Zamenhof. Por montri la signifodiferencon inter la du “La liberigo de la policano” kaj “La liberigo de la kaptito” por la sama okazo, mi kaj aliaj uzas “La liberigo ate de (=angle “by”) la policano” kaj “La liberigo ante al (= “done to”) la kaptito”, aŭ “ante la kaptiton”. Same, anstataŭ “La murdo de la policano” ni uzas AŬ “La murdo ate de la policano”, se la policano murdis, AŬ “La murdo ante al la policano”, se oni murdis la policanon.

Se miskompreno ne povas okazi, ni uzas anstataŭ la prepoziciaĵoj “ante al” kaj “ate de” la simplan Zamenhof’an prepozicion “de”.

En la sekvanta numero legu pri la precizaj signifoj de “ante” kaj de “ate”.

Daŭrigota.

Marcel Leereveld.

## Mia ĝardeno havas novan afiŝon 'ESPERANTO'

Roger Springer




# Beleco-diktatoroj en Esperantujo.



De tempo al tempo mi legas en Esperanto-gazetoj tre strangajn vortojn, kiaj trista kaj liva kaj hospitalo kaj koruso kaj bunta kaj etoso kaj Francio kaj ĉiĉerono kaj spekti kaj tenera kaj fajna kaj haste kaj prizono kaj kurta kaj leĝera. Por tiuj kaj multaj aliaj mi lernis Zamenhofajn vortojn kaj uzas ilin. Verŝajne ekzistas kelkaj centoj da tiaj nenecesaj neologismoj.

Kial oni kreis ilin? La plej grandan parton kreis Esperantistoj, kiuj ne havas la kapablon aŭ ne havas la tempon serĉi kaj trovi aŭ krei Esperantajn vortojn faritajn el jam de Zamenhof kreitaj radikoj, kiel la vorto malsanulejo aŭ malsanejo. Alivorte: parto de nia lingvo estas nun kreata de nekompetentaj Esperantistoj.

Sed kelkajn tiajn vortojn uzas Esperantistoj kiuj opinias, ke la propraj Esperanto-vortoj ne estas sufiĉe belsonaj kaj ke tial ni bezonas novajn vortojn pli

belajn el pli belaj lingvoj. Tiu grupo de Esperantistoj estas tre egoisma kaj vana: Ili opinias ke iliaj gustoj pli valoras ol la gustoj de aliaj personoj, kaj speciale ol la gustoj de la Zamenhof'ecaj Esperantistoj kiel mi. Kaj cetere ni devus akcepti multegajn ŝanĝojn de vortoj, ĉar ekzistas multegaj malsamaj gustoj. Ĉar se ili havas la rajton diktatorumi sian guston al ni, ĉiuj Esperantistoj rajtus diktatorumi siajn gustojn al la aliaj kaj ni devus allasi milojn da belaj alternativoj por la Zamenhofaj radikoj.

Tiuj belemaj Esperantistoj ne kuraĝus proponi eĉ unu ŝanĝon de malbela vorto en sia propra etna lingvo. Oni cetere ridindigus ilin. Ĉu ni, la Esperantistoj kiuj akceptas la Esperantajn vortojn tiaj, kiaj ili estas, ĉu belsonaj aŭ ne por iuj personoj, ankaŭ devas ridindigi ilin pri iliaj neologismoj en Esperanto, same kiel iliaj etnaj gefratoj ridindigus ilin se ili volus ŝanĝi en siaj etnaj lingvoj la laŭ ili malbelajn etnajn vortojn? Almenaŭ ni ne traktu ilin serioze, kaj uzu Esperantajn vortojn anstataŭ spekti kaj kurta kaj trista kaj fajna kaj tiel plu. Kiel ili kuraĝas diktatorumi nin per sia persona speco de belemo? Marcel Leereveld.

# Esperanto-amikoj en nordorienta Kongolando

Korajn salutojn!

Klubo la Amikoj de Esperanto

Mallonge KAE. Tian nomon ni Esperanto-amikoj en nordorienta Kongolando elektis por nia klubo. Nia agado tre diferencas de via agado en Australio.

Jen kelkaj el niaj projektoj kaj revoj:

-Lernejo por orfoj, Esperanto-kursoj, lerneja biblioteko

-Kiliba Pura Vilaĝo, kolektado de rubaĵoj, reciklado

-Lerni el la spertoj de aliaj landoj

-Mikrokreditoj de 50 dolaroj al virinoj

-Kultivado de heredita tero por nutri ankaŭ la orfojn

La ĉefaj motoroj en la projektoj nomiĝas Mana Namutema Brinson kaj mia edzino Paskalino. Ni en Nia malgranda hejmo (6m x 9m) zorgas pri dudeko da senhejmaj georfoj.

La hejmo havas 2 dormoĉambrojn kaj tagĉambreton. Kelkaj infanoj dormas en dormejoj ĉe la lernejo. Ĵus estis aĉetitaj litoj, matracoj kaj litaĵoj por ke neniu dormu surplanke. Nun la infanoj dormas duope, la litoj nombras dek.

La lernejo havas 3 lernoĉambrojn kaj la biblioteko ĉ. 300 Esperantajn libr(et)ojn.

La kultivado de la 5-hektara agraro apenaŭ povas nutri la grandan "familion". Mi kultivas i.a. rizon, maizon, tomatojn, batatojn, ternuksojn, ajlon, maniokon. Parton de la rikolto ni vendas por aĉeti sukeron, oleon, sapon, vestaĵojn, ŝuojn, ĉapelojn ( uzitajn!) kaj por la lernejo skribilojn, kretojn ktp.

KAE jam aĉetis dekon da ĉarumoj, kiujn ni ne nur mem uzas sed luigas por porti aĵojn al/de la kampoj. Antaŭe ĉio estis portata surdorse.

Per la mikrokreditoj virinoj sukcesas iom lukri bredante kokinojn, kaprinojn, kolombojn kaj kultivante peceton da tero.Ili komencas pagi lernejkostojn de siaj infanoj, iom post iom ili sukcesas repagi la krediton.

KAE zorgeme elektas la personojn, al kiuj ĝi pruntas monon, kaj la orfojn, kiujn ĝi edukas.

Eble vi miras, kial la orfaro estas tiel multnombra. Kaŭzas tion militoj, malsanoj, malsato kaj AIDOSO. Gepatroj mortas, geavoj estas tro malriĉaj aŭ malsanaj por zorgi pri infanoj. La averaĝa vivodaŭro estas 45-55 jarojn.

.

Kelkaj plenkreskuloj rifuĝas alikontinenten por serĉi pli bonan vivon. Ĉu nur por droni en la maron? Gejunuloj sekvas siajn seksajn dezirojn sen zorgi pri eventuala gravediĝo. Novnaskiton la patrino povas lasi kien ajn, eĉ en necesejon, por atendi kompateman vizitonton.

.

Mi kolektis mian orfaron en la stratoj. Mi nutras kaj vestas ilin, edukas ilin pri amo kaj paco, instruas Esperanton, kiun mi kiel infano eklernis en iu rifuĝejo.

KAE havas ankaŭ nesolveblajn problemojn. Daŭra manko de rimedoj, manko de regulaj donacantoj. La bezonoj kaj revoj estas grandaj, la fortoj de unu geedza paro ne ĉiam sufiĉas. Iom da helpo, ekz. libroj por la lerneja biblioteko, venis de Finnlando. Venis , fotilo de alia. Tio estas eretoj en granda klopodado. Se vi interesiĝas, kontaktiĝu kun :

kae.kiliba@gmail.com , mana.esperanto.brinson@gmail.com

Espereble ke vi ekrilatos kune kun ni ankau en DKR/Suda Kivuo,14 k.m.-oj de la Tanganjikia lago, vilagho Kiliba.

Skajpo: brinson.mana26

Poŝto: Mana Namutema Brinson

B.P.428 Rusizi Cyangugu Ruando

Afriko





# Sabloskulptaĵa Konkurso



Ekde 2011 ĉiun 31-an de Decembro, ĵus antaŭ ol komenci la vesperajn festojn, okazas sabloskulptaĵa konkurso en Broulee.

Ĉi-jare, Helen kaj Sandor kaj kelkaj familianoj partoprenis ...... kaj eĉ gajnis premion.

"Mojosa skulptaĵo" (Cool sculpture)

Kelkaj homoj jam sciis pri Esperanto, kelkaj demandis.



Helen & Sandor

## *Vortoj de "Lernu"*



***SUKURI*** ***Doni la unuan helpon kaj flegon al vunditoj:***

*Ŝi estis vundita dum averio kaj mi sukuris ŝin.*

*Via sukurado savis mian vivon!*

*Tio ne estis sukurejo (loko, kie estas trovebla ĉio necesa por sukuri), sed mi ĉiamaniere provis helpi la vunditojn.*

*La Ruĝa Kruco estas konata organizo de sukurismo.*

*Sukurantoj (sukuristoj) povas haltigi la morton per taŭgaj metodoj.*

# La Manlia Esperanto-Klubo.



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

**Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo**

**Je la 2an de la januaro 2016 venis kvar, Roger, Eŭnice. John, Chris. Bona Esperanto-tago**

# Zamenhofa Festo en Kvinslando.



"La plej multaj Ge-esperantistoj de sud-orienta Kvinslando kunvenis en la bela 'Regino Parko' meze de Ipswich. Estis ĝoja tempo kun konversacio, leciono, kaj legado de ŝercoj de kara Tom O'Grady.

Poste ni vizitis 'Nerima japana ĝardeno'-n kaj 'Naturo-Parko'-n proksime kun interesa faŭno, ekz. 'Bilby', 'Pademelon'.

Dum tagmanĝo en tre bona kafejo de parko ni ĝuis nian kunularon. Sandra honoris nian estimatan Dr. Zamenhof kaj deklamis poemon de li post mallonga parolado.

Ni intencos kunveni ree en la sama loko en vintro". informis Petro Danzer



Sandra Connors Linda Danzer Erhard Claus Dianne Lukes



Diano Lukes, Erhard & Ness Claus



Kelkaj Esperantistoj en Regino Parko



**Esperanta Stelo** **The Universal language (university)**

https://www.youtube.com/playlist?list=PL6oIFrNfhY5LvdP9barCFBA1iSIWbfKmf

**aŭ** https://www.youtube.com/watch?v=cLxOhbGiZwc&list=PL6oIFrNfhY5LvdP9barCFBA1iSIWbfKmf

# La Floraj Simboloj de Aŭstralio



**Aŭstralio**



**ACT**



**NSK**



**NT**



**Qld**



**SA**



**Tas**



**Vic**



**WA**



## Pri 3ZZZ radio

En la elsendo de la 4a de Januaro 2016 eblas aŭdi intervjuon de du volontuloj de la entrepreno edukado @interreto Alberto Muzzu el Italujo kaj Anna Liszewska el Polujo. Tiuj, kiuj intencas ĉeesti la UK-on en Nitra povos scii pli pri la skipo, kiu preparas la eventon.

Franciska Toubale.